FEDERACION·ESPERANTISTA·ESPAÑOLA · H E F

Año III (N.° 31)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 7

JULIO 1951

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)



## EN VISPERAS DE NUESTRO CONGRESO

Cuando estas líneas vean la luz, una nutrida representación de los esperantistas españoles y, tal vez, un buen puñado de extranjeros estarán a punto de reunirse, en Tarrasa, para celebrar el primer Congreso esperantista nacional de la postguerra.

Los que no hayan vivido las zozobras que, hasta llegar a esto, han tenido que soportar, tanto el conjunto del esperantismo español como sus mentores, no pueden imaginarse lo que tal acontecimiento significa para toda la organización y para sus propugnadores.

En un ambiente de preocupaciones puramente materialistas, como el que hoy domina en el mundo, con problemas acuciantes que hacen casi imposible todo desahogo espiritual, y cuando por añadidura existe la absurda suspicacia y aun la crasa aversión de los que aplican la malicia contra nuestra limpia doctrina, era bastante aventurado hacer rosados augurios en favor y defensa de nuestros buenos propósitos.

Sin embargo, a pesar de tantas y tantas dificultades, venciendo recelos y dudas de propios y extraños, lentamente al principio, y con ritmo creciente después, fueron aglutinándose los antiguos veteranos, junto a los valores jóvenes, esperanza del mañana, en la tenaz tarea de ganar el respeto y la consideración de la gente, demostrando plenamente, a la clara luz del día, que los esperantistas sólo quieren difundir el idioma auxiliar internacional con el honrado propósito de facilitar las relaciones comerciales, culturales, turísticas y —sobre todo— humanas de nación a nación, de pueblo a pueblo, cuando los pueblos de estas distintas naciones hablan distintos idiomas...

Y así quedó constituída nuestra Federación, y así pudo ser realidad la atrevida empresa de publicar nuestro Boletín, puntualmente y con sobriedad no exenta de galanura. Quien conozca un poco los términos del complicado problema editorial, en los tiempos actuales, podrá valorar lo que significa tal decisión, aunque vaya reforzada con el firme propósito de no cejar en la empresa, una vez comenzada. Hasta ahora hemos superado las dificultades y, pese al modesto volumen de nuestro presupuesto, no sólo no hemos retrocedido, sino que hemos afianzado y aun adelantado el paso. No sabemos lo que nos pueda reservar el futuro, pero sí sabemos que nos sobra tesón y entusiasmo para convencer y vencer, sin dejarse abatir jamás por el desaliento.

El Congreso de Tarrasa ha de ser el colofón de nuestras esperanzas y, al propio tiempo, el hito que marque el comienzo de una nueva etapa, en la que todos los esperantistas españoles se sientan, más que nunca, como miembros de una gran familia.

**LA VERDA STELO, KVAZAŬ PLIA JUVELO, BRILAS NUN ORNAME JAM SUR LA KRONO DE LA ŜILDO EN LA GAJA BLAZONO DE TARRASA!**

Esperamos con una impaciencia incontenible el momento en que nos encontremos todos; ése será el punto culminante de nuestro alborozo y el mejor premio a nuestros desvelos. De hoy en adelante habrá muchos congresos; más o menos brillantes, más o menos trascendentes a los efectos propagandísticos y de extensión de nuestros ideales, pero ninguno podrá tener para nosotros ese sello emotivo, esa unción afectiva de esta primera reunión, cuyos efluvios nos van llegando, con prometedora antelación desde Tarrasa, la industriosa ciudad que, ataviada con sus mejores galas, nos espera.



# S-ro DANIEL LLORENS SASTRE

## NOVA PREZIDANTO DE

# HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

*Ni opinias nun oportuna devo prezenti al la legantoj kelkajn biografiajn trajtojn pri la nova Prezidanto, kiu, jam en la oficiala posteno, sendas siajn plej sincerajn salutojn al la hispana kaj al la tutmonda esperantistaroj.*

Doktoro Daniel Llorens naskiĝis (31. Januaro 1889) en Forna, malgranda vilaĝo en la sudo de la Valencia regiono. Ankoraŭ tre juna, li akiris la abiturientan diplomon kaj komencis la medicinajn studojn. Li fariĝis kuracisto, kun tre altaj kvalifikoj, en la jaro 1913. Dum la tempo de lia studenta vivo, oni parolis al li pri Esperanto, kiun diligente li komencis studi. En tiu frua epoko de la jaro 1909, li spertis la ĝojon persone saluti nian karan majstron D-ro Zamenhof, en Valencio mem, post la Universala Kongreso en Barcelono. Li klarigis diversajn kursojn al siaj kunlernantoj ĝis la fino de la kariero. Post la unua granda milito (1914-1918) en kunlaboro kun kelkaj aliaj hispanaj esperantistoj, li zorgis pri la helpo al aŭstriaj infanoj, kiuj troviĝis en mizera situacio. Oni aranĝis ekspedicion da tiaj infanoj en Hispanion, kie ili estis bonkore gastigataj de la tiutempa esperantistaro.

Doktoro Daniel Llorens vojaĝis al multaj landoj kaj flue parolas kelkajn lingvojn, sed pro tio mem li alte taksas la valoron kaj la utilon de Esperanto. En nia lando, li estis la unua gvidanto de kurso per Radio. Lia nomo estis unu el la unuaj sur la listoj de Hispana Esperanto-Federacio, kiam tre esperplene ĝi fondiĝis antaŭ kvar jaroj.

Kaj nun, malgraŭ daŭra okupado en la nobla tasko kuraci malsanajn infanojn, li akceptis la ceteran taskon gvidi, per saĝaj konsiloj kaj trafaj sugestoj, la meĥanismon de nia tutlanda organizo, kiu sub lia gvido iros antaŭen firme, sekure kaj senhalte!

# HISPANA KRONIKO

**MADRIDO.**—Menciinda estas denove la nomo de la ŝtata ĉefurbo, pro la utila aktiveco de la taĉmento da samideanoj, kiuj, sub lerta gvido de S-ro Lopez Herrero kaj aliaj fervoruloj, jam atingis evidentajn sukcesojn. La fondiĝo de «Madrida H. E. F. Sekcio» kun sidejo en grava societo «Casa de Aragón» (strato Carretas, 6-2.°) ne signifis simplan formalaĵon, sed efektivan deirpunkton al pli altaj celoj. 20 gelernantoj el la lastaj kursoj estas jam intime ligitaj al nia movado, kiel abonantoj de la Bulteno kaj helpantoj en ĉiuj necesaj laboroj, por la progresado de Esperanto. La bela brilkolora afiŝo de nia Kongreso vokas la atenton de miloj da rigardantoj, ĉe la montrofenestroj de multaj butikoj en diversaj kvartaloj de la bela urbego. Bedaŭrinde, pro elĉerpiĝo de la eldono, ne efektiviĝis la plano de la madridaj amikoj, kiuj intencis aĉeti grandkvante tiun afiŝon por povi alglui ĝin, sur ĉiujn stratajn anonctabulojn.

# INTERLINGVA PARALELO

| ORIGINALO | TRADUKO |
|---|---|
| **Versos de poetas preferidos que hablan por nosotros. Silencios profundos como la noche, pero tan claros como la noche de este cielo con todas sus estrellas, porque, como las estrellas en la noche, las miradas son la luz del silencio...** | Versoj de preferataj poetoj, kiuj anstataŭ ni parolas. Silentoj profundaj kiel la nokto, sed tiel helaj, kiel la nokto de ĉi tiu ĉielo kun ĉiuj ĝiaj steloj; ĉar, kvazaŭ steloj en la nokto, la rigardoj estas la lumo de l' silento... |
| *De una comedia de D. Jacinto Benavente* | *El komedio de S-ro Jacinto Benavente* |

# LA LINGVOJ DE AMERIKO

Dr. J. Régulo Pérez
KANARIAJ INSULOJ

Foje oni aŭdas diri, ke en Ameriko oni uzas nur la lingvojn anglan, hispanan, portugalan kaj francan, krom ĉe kelkaj indianaj gentoj, kiuj ankoraŭ konservas siajn landidajn antaŭkolumbajn idiomojn. Sed, ĉu vere? Ĉu la lingvoj de Ameriko estas nur la kvar cititaj, kun aldono de kelkaj indiĝenaj idiomoj? Lingvistoj kaj filologoj konstatis la ekziston de proksimume cent malsamajn landidajn amerikajn lingvojn, al kiuj devas aldoniĝi la lingvojn kreolajn, kiaj: la papiamenta, en la insulo Kuracao; la haitia, francnegra; la gujana, nederlandnegra kaj aliaj, kiuj naskiĝis el kunmikso da eŭropaj, afrikaj kaj foje indianaj elementoj. Tamen, kiu el tiuj nuramerikaj lingvoj, ĉu antaŭkolumbaj, ĉu postkolumbaj, ŝancas postvivi, fariĝi kulturilo kaj, baldaŭ estonte, konkurenci la gastlingvojn? Ĉu oni iam legos gazetojn en la foje impona inkaa lingvo? Ĉu estiĝos literaturaj artverkoj per la azteka lingvo, kiu iam estis modlilo de la prameksikia kulturo? Ĉu ekleviĝos la idiomoj, kiuj estis esprimiloj de la spirita mondo de la amerikaj landidoj? Ĉiuj faktoj ŝajnas nei tiun eblon! La aŭtoĥtonaj lingvoj amerikaj malrapide, sed malvenkocerte, retroiras kaj, tre probable, iam estonte ili estos nur kuriozaĵoj por la historia lingvistiko.

Antaŭ ne longe, mi legis, ke la katalogo, kiu, ĉe la Nacia Biblioteko, en Bonaero, registras la revuojn kaj gazetojn, nun jam eldonatajn en Argentinio, mencias periodaĵojn en jenaj 27 lingvoj: angla, araba, armena, bulgara, ĉeĥa, dana, esperanta, franca, germana, greka, hispana, hungara, itala, japana, jida, kataluna, kimra, kroata, latva, litova, nederlanda, pola, portugala, rumana, rusa, slovena, ukraina. Alian similan statistikon mi legis, antaŭ iom pli longe, pri la gazetoj eldonataj en Usono, sed mi ne memoras, ĉu ĝi estis aŭ ne estis pli multenombra, kvankam en ĝi estis iuj idiomoj, kiuj ne troviĝas en la argentina katalogo. Se lingvoj vivas en siaj literaturoj —kaj fakte ja tiel estas!—, nu, jen nur tiuj supre listigitaj estas la veraj nunaj lingvoj de Ameriko. Ĉar, kio restis el centoj da lingvoj, kiuj ne havis literaturon? Foje eĉ ne la nomoj! Apud la kvar granduloj (angla, hispana, portugala, franca), kiuj sukcesis fariĝi ŝtatlingvoj, jen la itala kaj la germana ŝajnas enradikiĝi, memstare ekiri. Baldaŭ eble ekiros aliaj, kiuj nun penas literature sin esprimi. Apud ili, la kvar granduloj ŝajne iras al diverĝo, disde siaj eŭropaj pratipoj. Kaj, se ne estus emo kaj neprigo al unueco de la moderna teĥniko, ni jam havus plurajn anglidajn, hispanidajn, ktp. idiomojn, kiel iam okazis ĉe la latina lingvo; vero estas, ke ili, eĉ kvankam tre malrapide, kreas al si seninterrompe originalaĵojn, idiotismojn, kiujn nek konis nek imitas iliaj eŭropaj praŭloj.

Inter tiuj amerikaj lingvoj, jen nia Esperanto, samrajta «indiĝeno», jam heroldas sian mesaĝon. Ĝi jam akiris grandan brilan venkon en Brazilio, kie ĝi ekelfloras kaj pompas per gazetoj, malgraŭ la fakto, ke tiu ŝtato ne permesas la publikiĝon de fremdlingvaj gazetoj. Sed Esperanto, ĉies kaj nenies propraĵo, ne estas fremdlingvo por la brazilanoj!

La ĉiutaga kresko de la amerika multlingveco kunŝovas la faktojn, kiuj nepre pravigas Esperanton, kies ŝancoj iĝas pli firmaj en tiu —nur laŭŝajne— malmultlingva kontinento. Tial, ĉiam do pli kurage sur nia posteno! Al tute certa finvenko!

## ESPERANTO JAM FUNKCIAS EN PORTUGALIO

*Fragmento de letero, kiun la brava pioniro Saldanha Carreira skribis al nia redaktoro*

...Hodiaŭ mi mem skribas al vi iomete fiera; mi kredas, ke mia mieno ne havas la kutiman aspekton. Mi estas skribanta sur oficiala papero de nia Portugala Esperanto-Asocio, kies ĝenerala kunveno jam okazis sankciita de Ministroj, Guberniestroj... En preskaŭ du semajnoj, aliĝis preskaŭ cent membroj. Se tio daŭras, baldaŭ ni atingos la milon. Sola nebulo, en mia ĝojo, estas la fakto ne posedi la necesan sanon por ĉeesti vian Kongreson... Mi ne scias, ĉu iu ajn tien iros, sed mi faros la eblon por ke amiko vin vizitu kaj transdonu miajn plej varmajn dezirojn al bonega sukceso. Se eĉ tio ne povos esti, mi akompanos vin spirite. Poste, Munkeno, Oslo, kaj... mi ne scias, ĉu por 1953 aŭ 54 ni proponos nian Lisbonon por U. K. Tiam, certe, ni konos vin, ĉar vi sendube vizitos nin. Se la movado ĉi tie daŭros laŭ la nuna aspekto —Esperante vigla kaj politike trankvila— la Kongreso okazos...

# Entrevista con el R. P. JUAN BAUTISTA SE-TSIEN KAO

***Con gusto reproducimos este interesante reportaje de Luisa Eidelson, publicado por nuestro estimado colega E. C. O., activo y esforzado paladín del Esperanto en Buenos Aires, la hermosa capital de la República Argentina***



Bonaero La 12-an de Januaro 1951

Karaj Samideanoj de Argentinio:

Elkore mi salutas vin ĉiujn kaj mi bondeziras al vi plej grandajn sukcesojn en via sindonema laboro kaj klopodado je la favoro de nia kara lingvo Esperanto.

Dio benu vin ĉiam!

Via ĉina amiko

Pastro Johano B. Kao
高思謙

*Tenemos hoy la honda satisfacción de presentar a nuestros lectores argentinos a una destacada personalidad de nuestros tiempos, que amalgama en sí a Oriente y Occidente, en un loable afán de unión fraternal y que, especialmente, brilla en el panorama esperantista, porque desde el primer momento de conocer el ESPERANTO hizo de éste el vehículo preferente para su comunicación con las gentes. Nos referimos al Pastro Dr. Juan Bautista Se-Tsien Kao. Le visitamos oportunamente en el Convento de San Francisco de Asís, en Buenos Aires, donde se hospeda, y allí, con la proverbial cordialidad china, atendió a nuestras preguntas sobre su propia relación con el idioma, el Esperanto en China y el esperantismo en general y la Iglesia, respecto a esta lengua novísima.*

—PADRE DOCTOR KAO, ¿COMO Y DONDE APRENDIÓ USTED EL ESPERANTO?

—En 1925 —nos dice el aludido—. Hallándome en una clase del Seminario, un profesor nuestro, que recibiera folletos y una gramática de Esperanto, nos dió a modo de curiosidad, una clase general de esta lengua. Me sentí vivamente interesado y pedíselos al profesor. Además, aprovechando una oportuna semana de vacaciones lo aprendí solo... estudiando intensamente, eso sí, durante este breve lapso. Luego envié cartas a los lectores que ofrecían intercambio epistolar en los citados folletos. Y el éxito coronó mi esfuerzo, porque al poco tiempo mantenía una amena correspondencia con los «samideanos» europeos, que me convencieron de mi conocimiento... y de la eficacia del Esperanto. Entonces —prosigue el Pastro Kao— traduje la gramática del Esperanto en italiano, que yo utilizaba, al chino. Fundé luego la primera Asociación China de Esperanto, en lo que trabajé dos años, habiendo conseguido adherentes en más de quince provincias. Además escribí varios artículos, s[...] la utilidad de este idioma internac[...] en varias publicaciones católicas chinas.

—¿LE SIRVIÓ EL ESPERANTO EN SUS VIAJES?—le preguntamos acto seguido.

Mucho —nos responde con satisfecha expresión en su rostro sereno e inteligente—. Especialmente para predicar y dictar conferencias. A mi paso por todas las capitales europeas y de las Américas prediqué y conferencié en esta lengua, con gran repercusión pública, como es sabido, en clubs, asociaciones, por radiotelefonía, según lo detallo en el apéndice de mi libro «La China de hoy y del mañana», editada en 1945. (El doctor Kao lleva escritos ya media docena de libros muy interesantes.)

—¿Y QUÉ PIENSA USTED ACTUALMENTE DEL ESPERANTO?— le preguntamos [...]go.

—Considero hoy al Esperanto co[...] el vehículo efectivo para la fraternidad universal —nos responde el P. Kao—. Por eso procuro por todos los medios a mi alcance su difusión, tanto en China como en todos aquellos distintos países que visito.

Le preguntamos luego sobre el movimiento esperantista en su país natal, o sea, China, a lo que nos respondió:

—Su difusión comenzó después de la primera guerra mundial, entre los círculos intelectuales, cuyo centro era la Universidad Nacional de Pekín. Tuvo fácil repercusión entre los intelectuales chinos —nos dice el Revdo. P. Kao—, pues éstos se entusiasmaron ante la idea de paz y armonía universal, mediante una compr[...]ión

tan fácil, que ofrece el Esperanto. Además, por un idioma fácil, simple y neutral, al margen de los imperialismos, publicábanse artículos sobre él y la revista estudiantil de mayor difusión llevaba un folleto especial sobre el Esperanto y su gramática, que ayudó mucho a su difusión. Después se fundó en Shangai una Asociación Esperantista muy útil, gracias a los cursos por correspondencia, a su revista «Verda Stelo» y a su librería esperantista. Actualmente varios célebres escritores chinos son «samideanos». A propósito de ello es muy interesante recordar que el Congreso Nacional de Educación Chino resolvió en 1925 adoptar el Esperanto en todas las escuelas secundarias del país —nos dice el reverendo Padre Juan Bautista Se-Tsien Kao—, fundándose entonces en Cantón, con gran e[illegible]ia, el Instituto de Esperanto para maestros competentes de esta lengua. El Oriente, angustiado por la soledad de idiomas jeroglíficos, esperaba ansioso el mensaje fraternal hecho lengua de Occidente.

—¿CUÁLES SON LAS CAUSAS, EN GENERAL, POR LAS QUE NO SE DIFUNDE CON MAYOR CELERIDAD ESTE BELLO IDIOMA?

—Múltiples son, por desgracia —nos dice el Revdo. Dr. Kao—; entre ellas: La ignorancia del público de su verdadera importancia y de la necesidad manifiesta de un idioma universal. Los prejuicios acerca de su relación con las lenguas nacionales, o de que encierra ideales subversivos, o por creerlo artificial. La falta de una propaganda eficaz, constante, discreta y [illegible]en presentada. La indiferencia por p[illegible] de las organizaciones públicas, y de los gobiernos en general, para la idea de un idioma universal. La ausencia de su aprendizaje en las escuelas generales de todo el mundo, su fuerza principal. El cine, radio, las conferencias son, en la actualidad, solamente medios bastante secundarios.

—USTED CREE —le preguntamos entonces— QUE LOS GOBIERNOS DEBIERAN YA DARLE UNA ACOGIDA MÁS FAVORABLE?

—Como el Esperanto es un instrumento del progreso y de la paz mundial, todos los gobiernos del mundo deberían esforzarse en su propagación, haciendo obligatorio su aprendizaje en las escuelas. Y así, después de una generación, sería el Esperanto e[illegible]ioma universal para todo el mundo.

# 12ª HISPANA
# KONGRESO DE ESPERANTO

**TARRASA (Barcelono) 28-29-30 Julio 1951**

Jam ĉio estas preta por la solena festo de la hispana esperantismo! La Organiza Komitato febre laboris por brila sukceso de la unua postmilita tutlanda renkonto; kaj ĉirkaŭ 200 aliĝintoj, laŭ plej freŝaj informoj, garantias kontentigan rezultaton por la faritaj klopodoj. La tuta urba loĝantaro, kun sia urbestraro ĉefronte, atendas tre gastame la viziton de ĉiuj esperantistoj, kiuj venos tien ne nur de ĉiuj punktoj de la lando, sed ankaŭ de aliaj diversaj eksterlandaj urboj. En tre bela arbara loko, apud fonto, je kvar-kilometra distanco ekster la urbo, staros la tendaro, kiun uzos kaj prizorgos entuziasma grupo da naturamikoj. La konsentita fervoja rabato faciligos la veturon al multaj, sed la Valencia rondo, kie troviĝas la kerno de la federacia gvidantaro, dezirante profiti la vojaĝon kiel propagandon, luis grandan kaj komfortan aŭtobuson, per kiu oni rekte iros ĝis la kongresurbo; tiel, do, survoje, oni abunde disĵetos milojn da flugfolioj kun trafa enhavo pri la signifo de Esperanto. Krom la distraj kaj amuzaj punktoj de la programo, estas speciale atentindaj la du laborkunsidoj, al kiuj estas insiste invitataj ĉiuj kongresanoj, membroj de la Federacio. La Estraro, pere de la komisiitoj por la fakoj, prezentos al ĉies konsidero la starpunktojn de sia agado, laŭ sinsekvo de apartaj raportoj pri la ĝenerala gvidlinio, financoj kaj Bulteno; oni rajtas supozi, ke ĉiuj ĉeestantaj membroj diros sincere sian opinion pri la aluditaj temoj, sen ŝparo de konstruaj kritikoj, kiujn la koncernaj respondeculoj atentos kaj sekvos laŭ pleja eblo. Tamen, por utile profiti la tempon, ĉiuj estas petataj eviti tiel la flatajn vortojn, kiel la privatajn nefundamentitajn riproĉojn, ĉar la esperantistoj devas ja daŭre aspiri, ne nur al buŝa interkompreno, sed ankaŭ al tiu alia, pli malfacila, de la reciproka respekto por digna socia civilizita kunvivado.

La antaŭkongresaj aranĝoj en Barcelono certe glate funkcios; la Esperanta Medicina Kunveno ebligos senperajn rilatojn inter la kuracistoj, kiuj tiel elstaraj estas en la hispana esperantismo. Estos publike legataj interesaj originalaj referatoj, kiuj per si mem atestos pri taŭga apliko de nia lingvo, en grava branĉo de la scienco.

La Interkona Kunveno estos plej gaja prologo por la baldaŭa solenaĵo, kiun oni alsopire atendadis dum multe da jaroj.

Per iluzioj oni poluras esperojn, laŭ takto de la propra fantazio, Nenia baro, nenia limo ekzistas en la kurado de la pensoj, kiam ili rajdas senbride sur la ĥimero de songo. Tial, sen la garnituro de eventualaj disreviĝoj, kiujn la realo povas donaci, bedaŭrinde, en la horo de la vero, la antaŭtago de festo estas ofte eĉ pli agrabla ol la festo mem. Sekve, en la ideala mondo de mia somera ravanta medio, mi rafinis image ĉiujn facetojn de la escepta ŝanco, tre baldaŭ kunvivi inter amaso da bonaj geamikoj, kiujn alte mi estimas kaj ŝatas kaj amas eĉ malgraŭ la fakto, ke ilin ankoraŭ ne rekte mi konas. Multe mi ĝojas pro tio, preskaŭ en ekstazo, sed ankaŭ tre multe mi funde konscias pri la farita decido forlasi, dum kelktaga daŭro, la naivan kompanion de arbaraj bestetoj, por sperti senperan kontakton kun homoj... Ĉu tie, en la brua kermeso de la hispana kongreso, praviĝos la senco —ne nur la muziko— de laŭtesonaj vortoj pri konkordo kaj paco kaj amo en tiu granda rondo familia, al kiu la esperantistoj sopiras? Ĉu vere —ho, kia plezuro!— la realo ne ŝiros per triviala tuŝo la subtilajn fadenojn, kiujn, iom post iom,

## INTER LA PROZO DE LA

en bloveton de zefiro, en trilojn de najtingalo aŭ en la veluron de bonintencaj eĉ kvankam, pro emocio, balbutantaj parolој.

Kaj, antaŭ ol akiri la necesajn akcesoraĵojn, por mia nova «civila» kostumo, nepre mi devas plenumi la kutiman devon, skize recenzi pri ĉiuj laste alvenintaj gazetoj.

La skandinavaj landoj jen staras unue: SVENSKA ESPERANTO-TIDNINGEN, kun granda verda stelo, kiel diademo, prezentas borajn tekstojn, sur ebura ebeno de tre bona papero, kio cetere estas lukso, kiun ŝajne nur tie oni povas havi. In[illegible]sa por ni estas priskribo pri vojaĝo, tr[illegible]ia lando, de S-ro Harry Nilson el Malmoe; en Maljorko oni diris al li: «Se vi nur portas grandan verdan stelon sur via brusto, vi rimarkos, ke ni, esperantistoj, estas pli multaj ol oni kredas». La kongresa numero raportas pri landa kunveno en Leksand, «kiu ja ne estas urbo» sed pro tio «ne estas ja facile erarvagi tie —avantaĝo de mal-

## SALUTON AL LA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPE[illegible]

pacience mi ŝpinis por pruvi, ke ne nur la buŝoj, sed ankaŭ la koroj parolas? Post mallonga tempo venos la respondo; mi esperas, ke ĝi estos konforma al la intenco, kiu gvidis la enhavon de miaj kronikoj, ebligante daŭrigi pli intime la ludon de miaj babiloj, kiujn estonte mi ornamos per vivaj esprimoj, ne jam nur legitaj inter la prozo de la gazetaro, sed oportune ĉerpitaj el ŝaŭmanta torento da forta entuziasmo. Nu, malantaŭ la ŝirmo de tute anonima figuro, mi aŭskultos kaj aŭdos, rigardos kaj vidos, kvankam, se necese, ankaŭ mi parolos per voĉo kun tembro pli aŭ malpli sonora. Tial, do, ne vane min serĉu el inter kolekto da nomoj, el inter grupo da homoj, sed zorgu kaj penu intuicie min diveni, aŭ min trovi, el inter la turnoj de sinceraj frazoj: verve salutantaj, honeste konsilantaj aŭ tre serioze admonantaj por la bono kaj utilo de Esperanto; ĉar... la spirito emas foje materiigi sin en flugilojn de papilio,

granda kongresloko». DIA REGNO tiel ĉarma, kiel ĉiam, scias delikate kombini belajn formojn por la puraj esencoj de la kristana doktrino. INFORMILO de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asoci[illegible]ve-nas de Goteborg, kie ĝi aperas, kun [illegible]a materialo, pri nia lingvo, por la gazetaro; ĉar la redaktantoj estas spertaj fakuloj, la stilo estas vigla kaj oportuna. ARBETAR ESPERANTISTEN gaje salutas per tutpaĝa frontbildo de nordaj kaj blankaj floroj -jen delikata detalo en laborista gazeto!- Ĝi aliĝis al la vicoj de la «poŝismo» kun bela sinteno. Ŝirmata de taŭga kovrilo, leginda kaj studinda estas ĉefartikolo pri ĝusta gvidlinio de la Asocio; sciu la tieaj amikoj, ke miaj deziroj nur celas la efektiviĝojn de iliaj deziroj. NORVEGA ESPERANTISTO ankaŭ pompas per bonega papero, agrabla kareso por la okuloj estas ĝuste tiuj paĝoj, kun bona sed malmulta teksto, en kiuj la papera fono estas tre plaĉa ornamo. DANKS ESPERA[illegible]O

# ESPERANTISTA GAZETARO

BLAD ĵus rakontas pri la Arkeologia Tendaro en Bornholm, la paradiza insuleto. Kurioza bildo, kun miniatura kopio de ferepoka domo, prezidas la frontan paĝon. NIA VOĈO sukcesas prezenti bonan raporton pri sia jarkunveno en Alborg, kun bela bildo. Aparte leginda estas ĉefartikolo «La nunaj politika kaj ekonomia cirkonstancoj». Tiaspecaj artikoloj ne estas troveblaj en nacilingvaj ĵurnaloj. ESPERANTA FINNLANDO flugas denove al mia domo, portante en ĉi tiu varma sezono iom da m[illegible]rmetaj blovoj de tiu ege simpatia no[illegible]lando. Jam de longe mi sopiris je la vizito de tiu gracia mevo, kiu ameme ĵus haltis ĉe miaj manoj. Venis la vico al Germanio, lando de la nunjara Universala Kongreso. LA PONTO, oficiala revuo de Germana Asocio, ŝminkas per malsama farbo ĉiun kovrilon de aparta numero. Tutjara kolekto aspektas bele, kvazaŭ ĉielarko. Plej interesa kaj grava flanko de ĉi tiu Fakseksio; vere, ĝia obstina fervoro ne haltas; tre domaĝe, ke tiu simpatia informilo ne estas grandformata revuo... Mi prenis interesan artikoleton por eventuala represo. LA ĜUSTA VOJO, vigla cirkulero de la katolika movado, estas albumo por piaj preĝoj, aktualaj informoj kaj instruaj amuzaj rakontoj. Jam ĉe la bordoj de la Mediteraneo, mi devas tuj mencii du titolojn: L' ESPERANTO, organo de la Itala Federacio, kune kun VERDA STELETO, informilo de Centra Esperanto-Oficejo, svingas kuraĝe kaj brave la flagon de la esperantismo en la bela duoninsulo, kie la arto estas natura atributo, SKOLTA MONDO en bona teknika artikolo, terminaro pri nodoj, donas klarigojn treege interesajn pri la fako; klaraj desegnaĵoj helpas la komprenon; ĉi tiu kajero estos plezure akceptata eĉ de tiuj skeptikaj personoj, kiuj estas indiferentaj por Esperanto aŭ por la skoltismo. LA JUNA VIVO, la optimista kaj sana gazeto de la junularo, aranĝas modele sian enhavon, kiu fariĝas gvidilo, por komencantoj, tra la labirinto de la lingvo-aplikado; konfidence mi scias, ke ĝi estas legata avide ne nur de junuloj...

## ...ANTO, EN MUNKENO, LA BELA BAVARA ĈEFURBO!

«oficialulo» estas la demarŝoj kaj sugestoj faritaj, por veki intereson kaj eĉ akiri favoron de la germana Registaro, kies ĉefministro jam ricevis multajn petojn, por nia lin[illegible], okaze de lia iniciato por la kreo de eŭ[illegible]a junularpasporto. ESPERANTO-POST logas la atenton per plaĉa enhavo; ĝi estas revuo, kiu povas konkurenci kun similaj nacilingvaj eldonaĵoj. Atentinda detalo, tre ĝentila por ni, estas la fakto de daŭra apero de hispanaj literaturaj pecoj. Plej lasta specimeno estas la teatraĵeto «Fumo» de Muñoz Seca, lerte tradukita. Ege originala estas la psikologia studo «Atom-energioj de la animo» kun aldono de la «Sukces-skalo». Kiel kutime, unu fraton sekvas la alia; jen ESPERANTO-KURIER ankaŭ kun belaj fragmentoj; ĝi havas abundajn germanlingvajn tekstojn, kiuj, se ne ĉie kompreneblaj, tamen tre utilaj por enlanda propagando, kio cetere estas la ĉefa rolo de ĉiu propagandilo. Estu k[illegible]alutata la BULTENO de la Gepatra AUSTRIA ESPERANTO-REVUO raportas tre zorge pri la landa movado. Tre atente mi ĉiam rigardas al tiu flanko de la gazetoj, kie troviĝas la pulso de la interna vivo. Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno dediĉas en sia INFORMILO ampleksan spacon por la solena inaŭguro de la Panteono por la tutmondaj pioniroj de nia movado. En la solenaĵo persone ĉeestis aŭ sendis salutleterojn la ŝtatprezidanto, kanceliero, ministroj kaj altrangaj oficistoj.

Taŭga sezono estas, do, la somero por publika elmontro, en kongresaj vojaĝoj, kun verda stelo ĉe jako. Pensante pri la emocioj, kiujn mi spertos en la mondo de la homoj, kiel perfekta gapulo, mia inpiro forflugis pro absoluta fordono al la preparo de konvena prezento de sugestoj kaj proponoj, kiujn por masoni firmajn murojn, oni devas studi kaj apliki. Kaj se tiel ja okazas, ankoraŭ multe pli ĝoje, renkonte al vi, iros **LA LEGEMA KOBOLDETO**

# ESPERANTO ĈE LA TUTLANDA PARLAMENTO DE BRAZILO

***Lasthore venas al ni tre interesa informo, kiun ni rapidas diskonigi inter niaj legantoj, por ke ili uzu profite la enhavon de tiu plej aktuala dokumento, preta influi mondskale en apogo al nia lingvo***

En la Brazila Ĉambro de la Deputitoj ĵus estas prezentita Leĝo-Projekto pri la deviga uzado de Esperanto en la internaciaj rilatoj. La aŭtoro de la projekto, deputito Ferdinando Ferrari estas membro de la grava **Partido Trabalhista Brasileiro** (Brazila Laborista Partio), al kiu apartenas S-ro Getulio Vargas, Prezidanto de la Brazila Respubliko.

Antaŭ nelonge, alia grava brazila partio, la Respublika Partio, aprobis en sia ĝenerala kunveno rekomendon, kiun prezentis D-ro Miĥael Timponi, pri la enkonduko de Esperanto en la tutlandan instruadon, sendinte tiun decidon al siaj reprezentantoj ĉe la Parlamento; sekve, Esperanto venas el tute malsamaj partioj en la Brazilan Parlamenton.

En longa kaj trafa klarigo, S-ro Ferdinando Ferrari defendas nun sian projekton. Ambaŭ dokumentoj estas presitaj en la oficiala tagĵurnalo de la Brazila Parlamento **Diário do Congresso Nacional** de la 12ª de Junio 1951, paĝoj 3845/6.

Por la preparado de tiuj dokumentoj efike kunlaboris kun la deputito la Prezidanto de la Brazila Akademio de Ekonomiaj kaj Administraj Sciencoj, Prof. Reinaldo de Sousa Gonçalves.

Jen la propono:

## LEĜO-PROJEKTO Nro 624 — 1951

Tiu ĉi leĝo estigas Specialan Komitatan ĉe Palaco Itamarati, por studi kaj stimuli la alprenon, fare de la landoj, de neŭtrala lingvo internacia.

*(De S-ro Ferdinando Ferrari)*

La Nacia Kongreso dekretas:

ART. 1-ª.—Brazilo klopodos, ĉe la landoj kun kiuj ĝi havas diplomatiajn interrilatojn, por la alpreno, fare de ĉiuj ceteraj landoj, de neŭtrala lingvo por la internaciaj rilatoj.

PARAGRAFO SOLA.—Oni prefere alprenu Esperanton.

ART. 2-ª.—La Brazila propono enhavu la jenajn fundamentajn kondiĉojn:

a) - La alprenota lingvo estu devige uzata en la internaciaj rilatoj.

b) - Se la nacioj aliĝintaj al O. N. U. uzos naciajn lingvojn por internaciaj dokumentoj, tiaj dokumentoj portu tradukon en la neŭtrala lingvo internacia.

c) - La kondiĉo de la litero b estu uzata por la internacia komerco.

d) - La alpreno de la internacia lingvo ne forpuŝu en la internaciaj rilatoj la limigitan uzadon de la naciaj idiomoj, kiel helplingvoj internaciaj.

ART. 3-ª.—Ĉe la Ministerio de Eksterlandaj Aferoj estiĝu Speciala Komitato, kies celo estu la esplorado kaj alpreno de neŭtrala lingvo internacia, farante la necesajn paŝojn por la plenumado de tiu ĉi leĝo.

PARAGRAFO SOLA.—Tiu Speciala Komitato havu kvin membrojn, elektitajn de la Prezidanto de la Respubliko, inter kiuj estu: la Ministro de Eksterlandaj Aferoj, kiel ties natura prezidanto, la Direktoro de la Politika kaj Kultura Departemento de Itamarati, po unu reprezentanto: de la Ministerio de Edukado kaj Sano, de la Brazila Instituto por Scienco, Edukado kaj Kulturo, kaj de la Brazila Esperanto-Ligo.

ART. 4-ª.—En sesdek tagoj, post aprobo de tiu ĉi leĝo, la Plenuma Potenco eldonu la regularon por ĝia plenumado.

ART. 5-ª.—Tiu ĉi leĝo ekvalidos en la dato de sia publikigo kaj malvalidigos la leĝojn kontraŭ ĝi ekzistintajn.

(Subskribite) **FERDINANDO FERRARI**

Brazila Esperanto-Ligo kaj Brazila Akademio de Ekonomiaj kaj Administraj Sciencoj sendas nun al la leĝofarantaroj de ĉiuj Ŝtatoj kaj Komunumoj de Brazilo kopion de tiu projekto, en cirkulera letero, subskribita de la prezidantoj de ambaŭ institucioj, nome: profesoro Carlos Domingues kaj profesoro Reinaldo de Sousa Gonçalves.

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● PORTUGAL.—Acaba de constituirse, y cuenta ya con un crecido número de afiliados, la Asociación Portuguesa de Esperanto: Calçada Marqués de Abrantes, 128 - 2.°, Lisboa.

● ANDORRA.—También en este plácido valle se ha reanimado la vida esperantista. Actualmente se están celebrando cursos en Sant Juliá de Loria y en Les Escaldes. Como esperantistas españoles nos hemos de congratular de estas satisfactorias actividades.

● FRANCIA.—«L' Unión Esperantiste Française» ha dirigido una comunicación a todos los Directores de escuelas, relativa a las ventajas de la enseñanza del Esperanto a los escolares. Sigue esta comunicación a la Circular del Director general de Enseñanza Primaria francés, autorizando y aconsejando los estudios de la lengua internacional auxiliar.

● INGLATERRA.—Con ocasión de la «Fiesta de la Gran Bretaña», los esperantistas ingleses han organizado excursiones desde distintos países, atrayendo visitantes a las islas, por la ventaja que representa el contar allí con buenos y muy serviciales amigos.

● HOLANDA.—En la Escuela Normal de Utrecht se enseña el Esperanto, como asignatura facultativa, en horas de clase ordinaria. Esta formación de maestros esperantistas es un peldaño importante en la consecución de futuros estudiantes de la lengua auxiliar.

● SUECIA.—Como medio para fomentar la enseñanza del Esperanto, entre el personal de sus cinco importantes factorías, la empresa «Yxhults Stenhuggeri Aktiobolaget» ha tomado el acuerdo de conceder una beca de 500 coronas suecas, a fin de que el estudiante de Esperanto con más méritos asista al Congreso universal que tenga lugar cada añó.

● FINLANDIA.—Afiliada a la Liga Internacional de Profesores Esperantistas, se ha constituído «Esperanto-Lígo de Finnlandaj Instruistoj» (Untamonlie, 4 D, 23-HELSINKI-Kapyla).

También funciona en aquél país nórdico «Esperanto-Societo de Finnlandaj Fervojistoj», que realiza una intensa labor de propaganda entre todo el personal ferroviario.

● ALEMANIA.—Han editado folletos de turismo en Esperanto las oficinas de Bonn (Stadtisches Verkehrsamt - Poststrasse, 27-29), Bamberg (Stadt. Verkehrsamt-Rathaus), y Nurberg (Nurberg e. V.-Lorenzerstrasse, 31/III). También la ciudad de München ha editado un folleto turístico con motivo del próximo Congreso universal de Esperanto; la dirección para solicitar el envío de dicho folleto es: Stadtisches Verkhersamt - Sonneustrasse, 23.

● ITALIA.—Una comisión del Congreso pro Federalismo Mundial, en la que figuraban destacados esperantistas, fue recibida recientemente en audiencia por Su Santidad Pio XII.

En el programa en lengua Esperanto de Radio Roma (Via Veneto, 56) del viernes día 15 de Junio, la sección «Italio kaj la fremdaj verkistoj» estuvo dedicada a Cervantes.

● ESTADOS UNIDOS.—«Evening School for Adults», de Vineland (New Jersey), ha introducido en su programa de asignaturas la enseñanza y la utilización del Esperanto.

«World Airways Teacher», publicación de la Pan-American Airways, conocida compañía de aviación, presentó en su número de Enero-Febrero un artículo, con argumentos a favor del Esperanto, como lengua neutral internacional. Este detalle de una empresa privada es un positivo argumento de la utilidad que el Esperanto lleva consigo en todo lugar.

● GUATEMALA.—Actualmente se están celebrando cursos intensivos, muy concurridos, en el Instituto de América y en la Escuela de Verano de la Universidad de San Carlos.

● COLOMBIA.—También en este país sudamericano está introduciéndose el Esperanto y actualmente se desarrolla en Bogotá un curso con asistencia de 48 entusiastas alumnos.

● BRASIL.—La Cámara de Diputados del país está estudiando un proyecto de ley sobre el uso obligatorio del Esperanto en las relaciones internacionales; este proyecto nace de común resolución adoptada entre diputados de los dos partidos políticos brasileños más importantes. En este mismo número publicamos el texto íntegro del proyecto, que con el número 624 ya se ha publicado para su estudio en el «Diario do Congresso Nacional».

● AUSTRALIA.—Los Servicios oficiales de inmigración del país, dado el aluvión de cartas recibidas en Esperanto, ha determinado constituir un Consejo para la inmigración de los esperantistas que deseen trasladarse debidamente a aquel continente del Pacífico.

---

**Enemigos leales del Esperanto son hoy aquellos que creen, equivocadamente, que este idioma no es un idioma tan vivo como otro cualquiera, pero diferente a todos por ser neutral y fácil**

## ĈU BONA SUPO?

Post la ŝiprompiĝo, la ŝipanaro zigzagadis en barketo tri plenajn tagojn surmare. Fine, ili estis savitaj, kaj, kvankam plene elĉerpitaj, ili alvenis en sufiĉe granda haveno. Ĉiuj estis subtegmentigitaj. Post longa dormado, ili povis sidi ĉe tablo, kien la kelnero alportis la unuan manĝon. Iom manĝinte, la kapitano scivoleme demandis al la kelnero:

—Kio estas ĉi tio?

—Supo, sinjoro!

La kapitano miris kaj silentis momenton; kaj tuj li ekkriis al la direktilisto:

—Ni estas veraj stultuloj! Ni ĉiuj preskaŭ mortaĉis pro malsato, kaj nun ni konstatas, ke ni krozadis tri plenajn tagojn sur bonega supo!!

I. SCHOON
*HAARLEM (Nederlando)*

## PRI NEKUTIMA ORNAMADO DE SALONO

Foje, oni ordonas ornami, per plantoj kaj floroj, difinitajn ĉambrojn aŭ salonojn, kie ordinare nur aperas kelkaj necesaj —aŭ ne necesaj, sed ĉiam kuŝantaj— mebloj.

Iuj pensas, ke tiuj ornamaĵoj nur respondas al la deziro, ke venontaj vizitantoj ricevu agrablan impreson.

Certe, tia estas la konscia celo de la koncerna ordono; sed, cerbumante iomete, oni jam malkovros alian —nekonscian— celon.

Aŭtoritatulo, kiu kutimas sidi, paroli kaj, foje, eĉ labori en sia oficeja ĉambro, tiel alkutimiĝis al ĝi, ke, nerimarkite, li neniel atentas pri sia ĉirkaŭaĵo, neglegtas sian sintenadon kaj, unuvorte, alhejmiĝas en la loko.

Sed, se li devas ricevi antaŭsciigitan viziton de samranga aŭ supera kolego, tia sintenado ne decas; do li devas ion ŝanĝi en sia laborĉambro, por ke li sentu sin eksterdome; por ke li vigle atentu la vizitontojn. Jen pro kio li (aŭ, pli bone, lia privata sekretariino) ordonas ornamadon per videblaj plantoj.

EŬMA (Zaragozo)

### LINGVAJ KURIOZAĴOJ

*Jena frazo:* **«La blanka mano de Rikardo»** *estas tute egala, laŭ prononco kaj signifo, en la hispana lingvo.*

*Tiu alia:* **«L' amik' de l' soldat'»** *ankaŭ estas same egala, laŭ prononco kaj signifo, en la kataluna lingvo.*

NENIAM ESTOS UTILE EKFLAMIGI LA MALAMON!

*Napoleon*

SE ONI EDUKAS LA INFANOJN, NE ESTOS NECESE PUNI LA PLENKRESKULOJN

*Pitagoras*

## LA FILO de Rabindranath Tagore

—De kie mi venis, kiam mi vin renkontis?—, demandis infano al sia patrino.

Plorante kaj ridante, premante lin kontraŭ sia brusto, ŝi kortuŝe respondis:

—Vi estis kaŝita en mia koro, kiel deziego, amo mia. Vi estis ankaŭ en la pupoj de mia infaneco. Kaj kiam, ĉiumatene, mi imagis la formon de Dio, per argilo mi vin faris kaj malfaris. Vi estis en la altaro, kiel Dio de mia domo, kaj, adorante Lin, mi vin adoris. Vi estis en ĉiuj miaj esperoj, en ĉiuj miaj karesoj... Vi vivis en mia vivo, kaj en la vivo de mia patrino. Vi estis kreita, jarcenton post jarcento, en la interno de la senmorta spirito, kiu regas mian hejmon. Kiam mia junulina koro malfermis siajn foliojn, vi floris kiel bonodoraĵo ĉirkaŭ ĝi. Via amema mildeco ekfloris, poste, en mia juna korpo, same kiel la lumo ĉe Oriento, antaŭ ol la suno eliras... Unua amo de la ĉielo. Kiel frato de la tagiĝa lumo; vi malsuprenvenis en la mondon tra la rivero de la vivo; kaj, fine, vi haltis en mia koro mem...

*Tradukis* **ANTONIO MARCO (Zaragozo)**

—Kial vi ne venis al la marbordo?

—Mi ne havis tempon.

—Ho, estu pli sincera. Certe vi ne venis pro manko de mono.

—Estas same. Ĉu oni ne diras, ke tempo estas mono?

*Al la kara memoro de*

## JAUME GRAU CASAS

*Dissendita en la Esperanta programo de Radio Roma la 7an Januaro 1951*

Poeme li girlandis al Amoro
Kun ĉarma voĉ' kaj juna fantazio.
Per li tra l'mondo iris la trezoro
De l'alta kataluna poezio.
  Alvenis poste la dolorinformo:
  Malsanis kor' de l'amkantanta viro...
  Kvieton donis la senfina dormo.
  Funebras Muzo, mutas nun la liro.
Forpasis viv' subite, vane juna;
Singulte, ĝeme premas morta ploro
En ĉi tiu malĝoja tag' aŭtuna!
  Silentas, plu ne batas l'arda koro
  De Jaume Grau Casas kataluna.
  Ho ve! mortis la lasta trobadoro!

LUIGI MINNAJA

## Ricevitaj Libroj

**SVEDA NOVELARO.** —*Kolekto da 20 noveloj de 16 aŭtoroj. Traduko de D-ro F. Szilagyi. 235 p. (19 x 12) en bindita volumo. Prezo: 6 sv. kronoj. Eldono de Sveda Laborista Esperanto-Asocio. Adreso: Barnhugsgatan, 8. Stokholmo (Svedio).*

Akurate kaj trafe, unu fojon pli, ludis Esperanto sian rolon de lingvo internacia, por diskonigi tra la mondo aktualajn kaj specialajn paĝojn de nacia literaturo.

Temas nun pri elektitaj pecoj el ampleksa verkaro de 16 nuntempaj svedaj geverkistoj, kiuj elstaras en la moderna sveda literaturo, kutime kaj plaĉe tiel alnomataj «laboristaj verkistoj». Pro diversa deveno, nature, tre diversa estas ankaŭ la stilo kaj la enhavo de ĉiu aparta novelo, kvankam iu malhela kaj malgaja tono estas komuna vualo por ĉiuj kune. Mi ja scias, ke ne tute volonte oni akceptas, eĉ en laborulaj medioj, ke literaturo garnita per la marko «laborista» nepre devas esti ombra kaj pesimista. Objektive esplorante la sociajn problemojn, kaj ankaŭ rekte partoprenante en iliaj konvulsioj, oni ofte konstatas, ke la spico de spritaj diroj, aŭ la muziko de spontana rido, ne mankas en ordinara konversacio de malriĉuloj por iel ventoli iliajn zorgojn, same kiel orita strio de lumradio eniras en plej mizeran kabanon... Tamen, kvazaŭ devizo de stranga optimismo, tre oportuna por la ĝenerala fono, en unu el la noveloj de la ĵus legita volumo, en tiu sub titolo «Portu la ŝarĝon unu por la alia» aperas jena frazo: «Malsanoj apartenas al la vivo. Nur la morto liberigas nin de la malsanoj». Kurioza teorio! sed teorio, kiun multaj personoj certe opinios malsana teorio, malbrava frazo, pli adekvata por ornami la splenon de aristokrato, en dekadenco, ol por vigligi la impetojn de konscia produktanto. Sed... komprenu bone, ke miaj antaŭaj rimarkoj nur koncernas la formon, la manieron rakonti la rakontojn, kiuj estas krom tio vere interesaj, ekstreme delikataj, malgraŭ la krudeco de kelkaj esprimoj en epizodoj, kiuj postlasas meditigajn pensojn aŭ melankoliajn sentojn: Unua alesto de knabo kun virino. Reveno de eksmalliberulo al malvarma hejmo. Edzo, sen filoj nek iluzioj, ludanta kun feliĉaj infanoj. Etulino sen nutro pro morto de la patrino. Afabla konduto de skandinavaj maristoj kun sendefenda indianino en malproksima Ĉilio. Sobra, preskaŭ lakona, priskribo pri la antikva greka lando, k. t. p...

Malfacila, tre malfacila, estis la tasko, kiun entreprenis S-ro Szilagyi por traduki klare kaj drapiri konvene la nekutiman formon de nekutima lingvaĵo, kiu ja devas iĝi klara. Tra la densa kaj interplektitâ dornaĵaro de tiaj malfacilaĵoj, foje eĉ irinte returnen —ĉu ne vere?— nia kompetenta stilisto, kaj ŝatata samideano, sukcesis trabati vojon, ĉe kies fina haltejo troviĝas jam la volumo, kiun, bele kaj originale bindita, la Sveda Laborista Esperanto-Asocio proponas al la esperantista publiko. Estu dirite, do, senhezite, ke la lingvo estas freŝa kaj vigla, regule korekta, kvankam en kelkaj lokoj la frazkonstruo iomete ĝenas; ekz: «La silenton proksimiĝantaj infanvoĉoj rompis». Pri tute aparta flanko mi volas atentigi: en rakonto «Kalaboza» oni uzas sufiĉe da hispanlingvaj vortoj. Sed ili aperas. tie kaj tie, laŭ fuŝa maniero; ĉu ne ankaŭ la titolo mem?... Mi supozas, ke ili jam estas tiel en la originalo, sed multe malpli pravigeblaj ili estas en esperanta traduko, tial ke la tradukinto facile povas rekte interrilati kun hispanlingvaj samideanoj, por tute oportuna korektado.

Kaj nun, kara leganto, jen invito: aĉetu la libron kaj juĝu mem, ĉar tio pozitive utilos al vi kaj al tiuj, kiuj plej gratulinde ĝin prilaboris.

**LUIS HERNANDEZ**

---

**POR IU PLI BONA MONDO,** *eldono de «Liga Brasileira de Esperanto» Rio Janeiro (Brazilo).*

Ni kvitancas al la nomita Ligo la donacon de tiu bele eldonita broŝuro, kiun «Brazila Instituto de Geografio kaj Statistiko» dediĉis al la 22ª Internacia Kongreso de Katolikaj Esperantistoj, okaze de ilia renkontiĝo en Romo, dum la Sankta Jaro.

La esperantaj publikigaĵoj de la Brazila Instituto estas multnombraj tiel montrante la taŭgan rolon, kiun la helpa lingvo ludas en la internaciaj kulturaj rilatoj. La gratuloj de la esperantistaro elfluas kore, pro la ega helpo de la brazilaj oficialaj instancoj favoraj al nia movado; reciproke, Brazila Instituto pere de Esperanto diskonigas tra la mondo siajn leĝojn kaj agadojn en paca medio por konstruaj celoj.

**ERNESTO HURTADO**

---

**Libro en esperanta biblioteko estas materia ornamo, spirita plezuro kaj efika propagando!**

Krom la 36ª Universala Kongreso, kiu okazos, kiel sciate, en Munkeno, dum 4-11 Aŭgusto, ankaŭ okazos jenaj aliaj internaciaj Esperanto-solenaĵoj: 24ª SAT-Kongreso en Stokholmo, de 28 Julio ĝis 3 Aŭgusto. 4ª KELI-Konferenco, de 28 Julio ĝis 3 Aŭgusto, en la ĉarma loko Marktleŭthen (Germanio). 23ª Kongreso de Katolikaj Esperantistoj, en Munkeno mem, dum la daŭro de la Universala Kongreso. Al ĉiuj ni sendas plej sincerajn gratulojn!

## ☆ LA LERNEJO

**PRILINGVA RUBRIKO**

Mi respondas la demandon de S-anino Hervás pri la pridirekta akuzativo, kiun ŝi ne tre bone komprenas. Tiu estas unu el la plej facilaj kaj logikaj avantaĝoj de Esperanto. Mi klopodu solvi ŝiajn dubojn per ekzemploj: «Ŝi iras en la ĝardeno» montras, ke ŝi estas en la ĝardeno kaj iras, de unu loko al alia, interne de la ĝardeno. Kaj «Ŝi iras en la ĝardenon» signifas, ke ŝi ne estas ankoraŭ en la ĝardeno sed iras al ĝi kaj eniras. Do, en la unua kazo ne ekzistas direkto al la ĝardeno, sed en la dua kazo ekzistas direkto al ĝi, kaj tio montriĝas pere de la **n** de la akuzativo.

Kaj, parolante pri direkto mi opinias, ke ĉi tiu momento estas taŭga por paroli pri la direkto al la Kongreso de Tarrasa, la plej bona direkto nun por ĉiuj hispanaj samideanoj. Do, ĝis nia renkonto en tiu simpatia urbo! **JUAN BOSCH**

## PARA NUESTRO BOLETIN

**(Donativos correspondientes a JULIO 1951)**

| | | |
|---|---|---|
| **Suma anterior** | **887** | **Ptas.** |
| **Teodoro Elizondo (Trucios)** | **5** | » |
| **Angel García (Bilbao)** | **5** | » |
| **Andrés de Barberá (Reus)** | **5** | » |
| **Santiago Arizmendi (Eibar)** | **10** | » |
| **Ramón Molera (Moyá)** | **50** | » |
| **José A. Gell (Arbucias)** | **13** | » |
| **Antonio Pastor (Bilbao)** | **125** | » |
| **Gerardo Lenaers (Valencia)** | **10** | » |
| **Victoriana Bueno (Zaragoza)** | **13** | » |
| **Fernando López (Sevilla)** | **5** | » |
| **Total** | **1.128** | » |

**Esta aportación voluntaria es lo que nos permite equilibrar, en parte, el presupuesto del Boletín, todavía con un lastre deficitario, que solo puede ser superado si esta sección se ve favorecida por los lectores.**



## GRAVA ATENTIGO

Kiel kutime, pro somera libertempo de la redaktoroj, dum monato Aŭgusto, nia Bulteno **NE** aperos. La proksima numero, kiel eksterordinara kongresa numero, kun densa kaj elektita enhavo, ne vizitos vin denove ĝis mezo aŭ fino de venonta Septembro. Bonvolu atenti pri tio! Agrablan ripozon al ĉiuj!

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

SALVADOR MARTINEZ. — Strato de José Antonio, 15-2.º, Tabernes de Valldigna (Valencia), deziras korespondi pri diversaj temoj, precipe komercaj.

**NASKIĜO**

Granda ĝojo regas en la hejmo de nia samideano Emilio Prades pro feliĉa naskiĝo de fortika fileto, kiu estas hela promeso por daŭrigo de la gaja simpatio de la gepatroj, kiujn kore ni hodiaŭ gratulas.

F-ino EMILIA MUCCILLI, instruistino, Ovidio Lagos, 395 (R. 30) Rosario (Argentinio) dez. koresp. kun ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj, per ilustritaj p.k. kaj interŝ. p.markojn.

**ATENTU!**

La entuziasmaj membroj de nia grupo, inter kiuj troviĝas de fervojisto ĝis policisto, la plej diversaj profesioj, kaj multaj katolikaj gejunuloj, dez. koresp. kaj interŝanĝi il. poŝtkartojn (bildflanke afrankitajn) kaj leterojn, ankaŭ naciajn manfaraĵojn, kun vi. Ni certe respondos. La 10 plej belaj alsendaĵoj, alvenontaj ĝis fino de 1951, estos premiataj per Esperanto-libretoj. Do, ĉiu skribu al Esperanto-grupo «Prospero», (22b) Neustadt/Weinstrasse, Hambacherstr. 65, Germanio.

**TODAVIA** *quedan existencias de las postales editadas con la reproducción en miniatura del vistoso cartel del Congreso. Todavía pueden adquirirse al mismo precio reducido de 50 céntimos, y todavía, aun después del Congreso, pueden usarse con mucha eficacia para la propaganda. ¡Que no quede ningún esperantista español sin este recuerdo!*

Cantos Hnos., Impr. Valencia - Tel. 30444